# Etnismo

N-RO 4 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 05. 06. 1973

## JUNAJ MINORITATISTOJ SEMINARIIS

Proksimume 60 delegitoj el diversaj eŭropaj etnaj minoritatoj kunvenis de la 13-a ĝis 18-a de aprilo 1973 en la kulturdomo de la dana minoritato en "Christianslyst", Süderbarup, Ŝlesvigo-Holstinio, FRG. Tie okazis la ĉi-jara Paska Seminario de la Junulara Komisiono de la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (JK/FUEEM). La partoprenantoj estis anoj de jenaj etnaj grupoj: kroatoj el Aŭstrio, slovenoj el Aŭstrio kaj Italio, bretonoj el Francio, flandroj el Francio kaj Belgio, frisoj el FRG (provinco Ŝlesvigo-Holstinio), germanoj el Belgio kaj Francio kaj Danlando, danoj el FRG. Evidente mankis multaj etnoj .....

La programo ampleksis plurajn vizitojn al danlingvaj lernejoj de la regiono, podian diskutadon pri la situacio de la gastiganta minoritato, jarĉefkunvenon, balon, diskutadon pri rezolucioj, akcepto[n] en la urbodomo de Flensburgo. La lingva situacio estis sufiĉe stranga kaj samtempe natura: Por povi interkompreniĝi oni devis uzi la lingvojn de du majoritataj etnoj, la germanan kaj la francan.

La jarĉefkunveno diskutis du rezolucitekstojn kaj la sinprezenton de la flandra asocio "Were Di". La unua rezolucio (proponita de P. Lemoine, prezidanto de la Agadkomitato Regiona en Bretonio, kaj Olav Meinhardt, sekretario de JK/FUEEM), estis akceptita per malforta plimulto; ĝi difinas la starpunkton de JK/FUEEM koncerne violentecon, kiun ĝi toleras sub certaj kondiĉoj. La dua teksto, proponita de bretonaj reprezentantoj, pledas por subteno al la (nord-)irlanda popolo kontraŭ la "britaj okupaciantoj" kaj kontraŭ la "ekonomiaj interesoj de la brita kapitalismo"; pro neharmonio kun la unua rezolucio kaj pro trokonfuzeco tiu ĉi teksto estis malakceptita per klara plimulto. (Ambaŭ tekstoj estas publicitaj en tiu ĉi numero.) "Were Di", kiu sin mem karakterizas kiel "flandra-nacian tutnederlandan eŭropisman kaj socirevolucian" organizon, pro siaj malklaraj programeldiroj kaj pro siaj inklinoj al ekzilaj faŝismecaj organizoj, ne renkontis favoran eĥon en la kunveno.

La seminarion partoprenis, kiel observanto de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO), Dirk Willkommen, Kiel (FRG). La delegito de TEJO estis oficiale prezentita, informis pri la laboro de TEJO rilate la problemojn "lingvo - kulturo - ŝtato",

disdonis referaĵon, verkitan de U. J. Moritz, pri la "Rilatoj inter la lingvoj de etnaj minoritatoj kaj la internacia lingvo Esperanto" kaj konferencis kun la sekretario de JK/FUEEM. La koncernataj asocioj klopodos konkretigi la kunlaboron.

\- - - - - - - - - - - -

Akceptita R E Z O L U C I O proponita de P. Lemoine, prezidanto de la Agadkomitato Regiona en Bretonio, kaj Olav Meinhardt, sekretario de JK/FUEEM:

"La Junulara Komisiono de FUEEM notas, kun plej granda zorgo kaj plej granda bedaŭro, la kontraŭleĝaĵojn efektivigatajn de tempo al tempo fare de etnaj grupoj; ĝi opinias ke ne eblas trakti la problemon sen diferencigi inter la diversaj formoj de deliktoj.

Ĉi-rilate la Junulara Komisiono opinias, ke - senkonsidere de la celo - violento kontraŭ homoj estas plej akre kondamnenda. Ĝi, tamen, opinias, ke oni trosimpligas, se oni traktas ĉiujn farojn de etnaj grupoj aŭ de kelkaj iliaj membroj kiel huliganaĵojn.

Se etna grupo unue provis atingi rezultojn en konferencoj - kio estas premiso, ne eblas trovi la Junularan Komisionon inter tiuj kiuj senrezerve kondamnas paŝojn de tiu etna grupo sen konsiderado de la cirkonstancoj kaŭzintaj la elpaŝojn. Se ŝtato ne agnoskas la rajtojn aŭtentikajn de etna grupo, tiu ŝtato havas la tutan responson pri la okazantaĵoj.

Por la Junulara Komisiono de FUEEM ne estas kriterio de aprobo aŭ malaprobo de elpaŝo la demando ĉu la agado kontraŭas la leĝojn de ŝtato, sed ĉu la leĝoj de tiu ŝtato kontraŭas la rajtojn de la etnaj grupoj kaj ĉu ili respektas la homajn rajtojn.

Ĉi-rilate nur gravas, ke la damaĝo kaŭzita de elpaŝoj de etna grupo ne estu neriparebla, t. e. ke povas temi pri detruo de homa vivo aŭ sano.

La Junulara Komisiono ĉiukaze komprenas ke certaj etnaj grupoj povas perdi paciencon kaj transiri al diversaj kontraŭleĝaĵoj."

MALAKCEPTITA rezolucipropono de bretonaj delegitoj:

"La ĉefkunveno de la Junulara Komisiono de FUEEM en Christianslyst, la 15-an de aprilo 1973, kondamnas plej akre la kruelaĵojn efektivigatajn de la britaj okupaciaj trupoj en norda Irlando cele al konservado de la privilegioj de la protestantoj kaj cele al la defendado de la ekonomiaj interesoj de la brita kapitalismo. Ĝi atentigas ankaŭ pri la ekspluatado de la protestantaj laboristoj en norda Irlando fare de la kapitalismo.

La Junulara Komisiono estas preta subteni la irlandan popolon batalantan pro siaj elementaj rajtoj kaj solidariĝas kun ĉiuj popoloj dezirantaj reakiri sian liberecon."

\- - - - - - - - - - -

La supre menciita referaĵo pri "Rilatoj inter la lingvoj de etnaj minoritatoj kaj la internacia lingvo Esperanto" (3 tajpitaj paĝoj kun densa teksto) estas ricevebla kontraŭ 1 irk en jenaj lingvoj ĉe ETNISMO: Esperanto, angla, franca, dana, kroata, slovena, kimra, bretona, kataluna, sveda, germana, itala, nederlanda; eldonoj en aliaj lingvoj (ekz. eŭskera) estas preparataj.




Dum ĉi-jara majo du redaktoroj de ETNISMO vizitis la FRISAN AKADEMION en Ljouwert (nederlande: Leeuwarden) por intervjui s-ron Sikkema, la administran direktoron de tiu akademio. Jen resumo de liaj informoj mikse kun notoj pri la Frisa akademio ĉerpitaj el unu el ĝiaj broŝuroj:

En Frislando kun 3240 $km^2$ loĝas proksimume 500.000 homoj, el kiuj pli ol 70 % estas dulingvaj (frisa / nederlanda). 68 % de la enloĝantoj estas protestantoj, 7 % katolikoj kaj 25 % eksterekleziaj. Plej gravas laktoproduktaĵoj, sed ankaŭ aliaj branĉoj agrikulturaj. Tamen, industrio, precipe la t. n. "pura" havas signifon.

La frisa lingvo, kiu estas komprenata - sed ne parolata - de 97 % de la enloĝantaro, estas normigita fare de la Frisa Akademio de 1947, kaj la provinca registaro aprobis la normon en 1970. Modifoj estos allasitaj ne antaŭ 1980. Kiel en multaj senŝtataj etnaj grupoj, ankaŭ la frisoj estas, en sia lingvo, "analfabetoj": La frisan lingvon skribas nur proks. 15 % de la enloĝantoj. Tio estas parte komprenebla, se oni konscias pri la fakto, ke nur 70 el la 500 sume ekzistantaj elementaj lernejoj estas DU-lingvaj. En tiuj ĉi lernejoj la unua jaro estas komplete frislingva, en la dua enmiksiĝas iomete da nederlanda lingvo, en la tria iom pli, ktp. (Tamen, ankaŭ en la plej multaj unulingvaj lernejoj ekzistas almenaŭ instruado PRI la frisa lingvo.) Dulingva lernejo povas ekfunkcii nur surbaze de gepatra decido farita de 90-procenta plimulto! - Nun okazadas pedagogiaj eksperimentoj per radio- kaj televid-programoj kun financa subtenado fare de la nederlanda ŝtato.

Dum la frisa lingvo estas unuecigita en la nederlanda provinco Frislando, la aliaj du aŭ tri "Frislandoj" havas tiurilatajn problemojn: En la nordfrisa branĉo abundas dialektoj, kvankam malabundas personoj; kvankam ekzistas orientfrisaj institucioj en nordokcidenta FRG (ĉefurbo: Aurich), tie frisa lingvo ..... tute NE PLU EKZISTAS; fine, la saterlanda frisa lingvaĵo estas parolata de nur kelkaj miloj da homoj en la distrikto Oldenburg (FRG), ĉirkaŭ la ĉefvilaĝo Ramsloh. Kiam, ĉiun trian jaron, la Frisa Konsilantaro okazigas la Frisan Kongreson[,] oni ne havas komunan lingvon por trakti siajn tamen ne tiel diversajn ekonomiajn kaj ĝenerale kulturajn problemojn ..... Konstateblas granda filologia interesiĝo pri la frisa, precipe en anglalingvaj kaj skandinaviaj landoj. en Nederlando ekzistas universitata instruado pri la frisa en la kompetentaj institutoj de Amsterdamo (en ties ambaŭ universitatoj), Leiden, Groningen kaj Utrecht. Tamen, tiun instruadon realigatan de eksterordinaraj profesoroj, escepte de Groningen, pagas ..... Frislando mem. De 1585 ĝis 1811 Frislando fieris pri sia universitato en Frjentsjer (nederlande: Franeker), kiu post tiu de Leiden estis la dua de la tuta lando! Nun oni diskutantas pri la instalo de kelkaj homsciencaj fakultatoj en Ljouwert, tamen laŭeble ne konkurence al Groningen. Jam de aro da jaroj ekzistas la "nordaj kursoj", en kiuj prepariĝas instruistoj de mezlernejoj.

La duono de la provincparlamentanoj kutime parolas frise en kunsidoj, ekzistas frislingvaj protokoloj kaj en la plimulto de la 44 komunumaj parlamentoj oni praktikas la frisan. Kvankam ne troveblas aktualaj leĝoj en la frisa, oni ja rajtas libere ĝin uzi en ĉiuj tribunalaj situacioj kaj en la administracio, ekz. la korespondado inter la provinca registaro kaj la Frisa Akademio okazas ekskluzive frise. - La du frislandaj ĵurnaloj estas, surprize, ĉefe nederlandlingvaj, tamen jen kaj jen kun frisaj enplektaĵoj. - Ĉiutage la Norda kaj Orienta Radio elsendas 30 minutojn en la frisa pri Frislando. Ne videblas frislingvaj televidaj programoj.

Kaj ia apartisma movado kiel "Frisa Naciliberiga Fronto"? Nenio simila, eĉ ne aludo tiurilata ekzistas.

La Frisa Akademio estas unika instituto, ne nur pro siaj ampleksaj taskoj, sed ankaŭ pro la fakto ke en ĝiaj agadoj kunlaboras tiel sciencistoj kiel interesitaj laikoj. Kamparanoj, metiistoj, oficistoj, dommastrinoj ktp., kiuj studas la historion de sia urbo, vilaĝo aŭ regiono, de sia metio, farmdomo, preĝejo ktp., kiuj registras malnovajn popolajn rakontojn kaj kantojn kaj studas la diferencojn inter la propra kaj aliregionaj dialektoj, --- ili estas "sneupers", t. e. serĉantoj, esplorantoj. Antaŭ la fondo de la Frisa Akademio (1938) tiuj "sneupers" agadis pli-malpli sen interligo: la akademio donis al ili fakulan gvidon kaj centron.

La akademio eldonadas multegajn librojn en la frisa, nederlanda, angla, germana kaj Esperanto. Aperadas la dumonata scienca revuo "It Beaken" (= La Gvidmarkilo) kaj informkajero "Ut de Smidte" (= El la Forĝejo). La celo de la akademio estas "praktikado de la scienco, kiu en la plej vasta senco de la vorto rilatas al Frislando, la frisoj kaj ilia kulturo". La akademio, konsistanta el 21 membroj kaj 24 oficistoj, dividiĝas en 9 laborsekciojn: biologia, etnologia, regiona, genealogia, historia, pejzaĝa, nomscienca, pedagogia. La plej grava projekto estas la publikigo de la Granda Frisa Vortaro, por kiu jam prepariĝis 2 milionoj da slipetoj.

Informas: FRYSKE AKADEMY, Doelstrjitte 8, LJOUWERT, Nederlando.

ooooooooooooooooooooo

# DOKUMENTO

## A. I. D. M. L. K.

Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj

FEDERACIA KOMITATO POR LA ETNOLINGVAJ KOMUNUMOJ KAJ LA REGIONA KULTURO EN ITALIO

Al la Prezidento de la Respubliko
Al la Prezidanto de la Senato de la Respubliko
Al la Prezidanto de la Ĉambro de deputitoj
Al la Prezidanto de la Ministra Konsilantaro
Al la Prezidantoj de la parlamentaj grupoj
en Romo

Pasis 25 jaroj de kiam validiĝis la Konstitucio de la Itala Respubliko kaj ankoraŭ nun unu el ĝiaj fundamentaj principoj restas nur parte efektivigita. La artikolo 6 de la Konstitucio estas ĝis nun nedigne interpretita tiel de la leĝdona povo kiel de la ekzekutivo.

Fakte, la varto, kiun ĝuas kelkaj lingvaj grupoj en Italio, ne fontas el la Konstitucio, sed el aliaj agadoj kaj faktoj.

En Aosta Valo la varto de la franca (franc-provenca) minoritato deriviĝas de la leĝdona dekreto de la 7-a de septembro 1945, n-ro 545, proklamita por malhelpi la minacon de separatismo.

En Suda Tirolo la varto de la germana minoritato deriviĝas de la interkonsento de Parizo de la 5-a de septembro 1946, kreita por forigi la danĝeron de reiro de la provinco Bolzano en Aŭstrion.

En la provinco Gorizia la lernejoj kun la slovena kiel instrulingvo ekzistas, ĉar ili ekzistis jam antaŭ ol subskribiĝis la pactraktato de la 10-a de februaro 1947.

En la teritorio de Triesto la varto de la slovena minoritato deriviĝas de la speciala statuto subskribita en Londono la 5-an de oktobro 1954 kiel aldonaĵo II de la Interkonsentmemorando, kiu asignis al la registaro de la Itala Respubliko la administracion de tiu ĉi teritorio.

La nuntempe validaj normoj, kiuj gvidas la varton de la lingvaj minoritatoj do ne estas la konsekvenco de lojala observo de la Konstitucio, ĉar ĝis nun jenaj minoritatoj restis senaj je la varto en la senco de artikolo 6 de la Konstitucio:

1. la albanoj de la provincoj Palermo, Reggio di Calabria, Catanzaro, Cosenza, Matera, Potenza, Lecce, Taranto, Foggia, Avellino, Campobasso kaj Pescara;
2. la katalunoj de Alghero;
3. la kroatoj de Molise;
4. la franc-provencanoj de la torina provinco;
5. la grekoj de la provincoj Reggio di Calabria kaj Lecce;
6. la dolomitaj kaj friulaj ladinoj de la provincoj Trenzo, Belluno, Pordenone, Udine kaj Gorizia;

7. la okcitanoj de la provincoj Torino, Cuneo kaj Imperia;
8. la sardoj;
9. la slovenoj de la provinco Udine;
10. la germanoj de Aosta Valo kaj de la provincoj Vercelli, Novara, Trento, Verona, Vicenza, Belluno kaj Udine;
11. la ciganoj.

Tial ni petas al vi, sinjoro Prezidento, fari ĉiujn klopodojn, en la limoj de via aŭtoritato, por ke artikolo 6 de la Konstitucio de la Itala Respubliko plene efektiviĝu pere de leĝoj kaj aliaj efektivigaj normoj, kiuj garantiu al ĉiuj lingvaj minoritatoj

1. la instruon de kaj per ilia patrina lingvo en lernejoj de ĉiu tipo kaj grado;
2. la uzon de ilia patrina lingvo en la publika vivo, do:
   a. en administraj kaj juraj oficejoj;
   b. en oficialaj anoncoj kaj publikigoj;
   c. en kunvenoj de la ĉeforganoj de la publikaj administracioj;
   ĉ. en la loknomado;
   d. en radiaj kaj televidaj elsendoj;
3. la disvolviĝon de ilia etnolingva kulturo, ankaŭ pere de subvencioj al rondoj, asocioj, bibliotekoj, teatroj, periodaĵoj kaj aliaj publicaĵoj en la minoritataj lingvoj.

Konvinkitaj ke vi, s-ro Prezidento, senprokraste intervenos por doni plian kontribuon al la efektivigo de la respublika Konstitucio, kiu devas" esti fidele observata de ĉiuj civitanoj kaj ĉiuj ŝtataj organoj kiel fundamenta leĝo de la Respubliko", ni estas je via dispono por ĉia klarigo kaj precizigo.

En Triesto, la 1-an de januaro 1973.

La Federacia Komitato.

---

Tiu ĉi dokumento estas
- tradukita el la itala lingvo fare de Wim Jansen;
- forme de fotokopio de la itala originalo ricevebla kontraŭ unu irk ĉe ETNISMO.

++++++++++++++++++++++++

SEMINARIO "LINGVO KAJ POLITIKO" EN MILANO, 17 - 19 MARTO 1973

Tiu seminario traktis du ĉeftemojn:

1. Lingvo kaj kulturo kiel portiloj de novkoloniismo en la Tria Mondo;
2. Etnaj lingvoj - ŝtataj lingvoj - interetnaj lingvoj.

Partoprenis proksimume du dekoj da interesitoj, junaj esperantistoj kaj reprezentantoj de etnaj minoritatoj. Rezultis decido pri kunlaborado.

## A.I.D.M.L.K. en Algero

La itala A.I.D.M.L.K.-komitato kunvenis la 20-an kaj 21-an de aprilo 1973 en la urbo de la kataluna minoritato algero (Sardio). Detaloj sekvos en venonta numero de ETNISMO.

# K O R N V A L O
## k a j l a e s t o n t e c o

Ŝajnas al mi ke, el ĉiuj keltaj landoj, Kornvalo (en sia lingvo: Kernow) havas la plej necertan identecon kaj estontecon. Plej frapa faktoro en tiu ĉi situacio estas la daŭra ekloĝado de angloj junaj tie (kontraste al la migrado de pensiitoj antaŭ la 2-a mondmilito). Ne multe gravis la maljunuloj - ili formortis. Tia enmoviĝado eblas pro la diferenco de enspezoj inter Kornvalo kaj la suda Anglio, kio signifas ke angloj egalaj laŭ socia rango povas facile superoferti siajn kornvalajn "duplikatojn" en aĉetado de dezirindaj domoj.

Trodependeco de la turisma merkato ankaŭ malfavore efikis al la kornvala identeco. La rezulto de turismo kaj amasenmigrado estis la kreo de ia "Sudentenlando" ĉirkaŭ la kornvala marbordo, kie la angloj superregas, dum la kornvalanoj estas limigitaj al la malpli valoraj domoj enlande. En kelkaj fiŝkaptistaj vilaĝoj ekzistas ridinda situacio: Vintre preskaŭ ĉiuj malnovaj domoj estas malokupitaj (estante la feriaj loĝejoj de riĉaj angloj), dum la kornvalanoj enloĝas malbelajn kaj malŝirmitajn ŝtatajn domojn ĉe la montopintoj.

Aliaj atakoj kontraŭ tiu genta identeco konsistas en la samniveliga tendenco de la amaskomunikiloj. La uson-anglan kulturon oni disvastigas per la gazetaro, radio kaj televido. Sed pli grave temas pri homoj. Laŭ ĝisnunaj tendencoj, la kornvalanoj baldaŭ estos dronigitaj aŭ fariĝos minoritato en la propra hejmlando. Diference de la aliaj keltaj landoj, la kornvalanoj ne havas montegojn kaj valojn en kiujn retreti.

Tamen restas unu - du aferoj kiuj povus efiki favore al la etna popolo kornvala. Estas mirige kiom da amsento kaj lojaleco por ilia hejmlando troviĝas en la mensoj de la kornvalanoj. Ekster la jam en 1950 starigita naciista movado "Mebyon Kernow" (Filoj de Kornvalo) evidentiĝis spontaneaj, senordaj sentoj kontraŭ la angloj. Multfoje oni telefone minacis eksplodigi la ponton trans la riveron Tamar, ĉar multaj pensas, ke ĝi estas ilo per kiu oni enfiltras kaj angligas Kornvalon.

Ekzistas forta movado por revivigo de la antikva kornvala lingvo, kiu tute formortis kiel gepatra lingvo antaŭ la jaro 1800. (Tamen restas ties postsignoj en la anglaj dialektoj.) Entuziasmuloj, plejparte junaj, lernas ĝin tra la tuta "gubernio", kaj daŭre oni petas ŝtate agnoskitajn ekzamenojn.

S-ro James Whetter, vicprezidanto de la partio "Mebyon Kernow", opinias ke, se ne okazos trarompo antaŭ la jaro 2000, Kornvalo estos perdita afero. Evidente la ekzemplo kaj helpo de kimraj kaj bretonaj naciistaj movadoj estos decidiga faktoro.

Hilary Chapman

---

Legindas tiurilate: Geoffrey H. Sutton: Konciza historio pri la kornvala lingvo kaj ĝia literaturo; 16 paĝoj, Roterdamo, 1969.

P. Berresford Ellis: The Cornish Language Revival;
en: The Incorporated Linguist, julio 1971, p. 71 - 76 (fotokopio: 2 irk)

llegiu llibres en català



# ÒMNIUM CULTURAL

"ÒMNIUM CULTURAL" estas asocio kiu havas [kiel] celon la antaŭenigon de la kulturo, precipe de la kataluna kulturo en ĉiuj ties manifestiĝoj. Ĝi laboras en la tuta teritorio de la iama Princlando de Katalunio, t. e. en la nunaj provincoj Barcelono, Taragono, Gerono kaj Lerido. Fondita en 1962, "ÒMNIUM CULTURAL" havis fine [de] 1970 7.148 membrojn kaj povis plialtigi tiun nombron dum unu sola jaro per 3.209 novaj membroj. Tiu evoluo evidentigas la klaran kaj fortan konsciiĝon de multaj katalunoj pri la neceso de subteno al la propra kulturo.

Kion faras tiun asocio? Ĝi donas financan helpon al diversaj institucioj, inter kiuj elstaras la Instituto de Katalunaj studoj (komparu ETNISMOn 2, p. 8) kaj porinstruistaj kursoj. Ĝi antaŭenpuŝas aktivecojn kiel la "Majan Feston" (disdonado de premioj al verkistoj; komparu ETNISMOn 2, p. 3), la librovendan aŭtobusegon "Cultura en ruta", la kampanjon "Català a l' escola", la laborojn de popolbaledo kaj korusoj. Ĝi kunordigas aliajn kulturajn aktivecojn, invitas eksterlandajn verkistojn, partoprenas en internaciaj kongresoj rilatantaj katalunajn lingvon kaj kulturon. La konkreta kultura agado estas farata certagrade de la lokaj delegacioj ekzistantaj tra la tuta teritorio.

La asocio estas direktata de libere elektita de la ĝenerala kunveno 11-persona estraro, kiun apogas proksimume 40-kapa konsilantaro, kiu konsistas el la plej kompetentaj homoj de la aktuala kataluna kulturo, interalie: Antoni M. Badia i Margarit, profesoro pri la kataluna lingvo en la universitato de Barcelono, M. Aurèlia Capmany, verkistino kaj direktorino de la Lernejo de Drama Arto, Jordi Carbonell, universitata profesoro, Josep Faulí, ĵurnalisto kaj kritikisto, Francesc de B. Moll, filologo, eldonisto, verkinto de 10-voluma vortaro, ktp. ktp.

La adreso de "ÒMNIUM CULTURAL" estas:

Palau Dalmases, Montcada, 20, BARCELONA 3

---

## SERRA D' OR

KULTURA kaj SOCIA REVUO en la KATALUNA LINGVO

Eldonata de la Abatejo de Montserrat

Aperas ĉiumonate. Jare: 375 pesetoj (ekster Hispanio: 425 pesetoj)

Aktualaj artikoloj pri la plej diversaj temoj, riĉa ilustrado, bibliografiaj notoj. Unu numero ampleksas proks. 90 paĝojn.

ABONU: Publicacions de l' Abadia de Montserrat, Apartat 121, BARCELONA, Hispanio.

# KATALUNIO

## BRUTALECO KAJ IGNORADO

Plia ekzemplo de sufokado kaj strangolado de
etnaj minoritatoj en Hispanio

En Ĝenevo, Svislando, okazis la 114-aj "Florludoj de la Kataluna Lingvo", de la 27-a ĝis la 29-a de oktobro 1972. Ili estas aranĝo tradicia en longa vico, interrompita nur de 1936 ĝis 1941, de kiam ili okazadas en eksterlando, ĉar la diktatora reĝimo de Madrido malpermesis ilin. La programo de la "Florludoj" konsistas kutime el kelkaj *prelegoj pri la situacio de la kataluna kulturo, prezentado de literaturaj kaj kanzonaj* novaĵoj, proklamado de la premiitoj rezultintaj el aro da konkursoj, bankedo ktp. Partoprenas katalunoj ekzilitaj kaj aliaj vivantaj en Katalunio.

La hispana ministerio pri internaj aferoj, la 4-an de decembro 1972, dekretis punon de po 200.000 pesetoj (10.000 gm) kontraŭ la ses ĵurianoj, civitanoj de Hispanio:

- Josep M. CASTELLET, literaturkritikisto kaj direktoro de la gravega eldonejo "Edicions 62";
- Alexandre CIRICI-PELLICER, artokritikisto kaj profesoro de la universitato de Barcelono;
- Félix CUCURULL, poeto kaj historiisto;
- Josep FAULÍ, ĵurnalisto kaj kritikisto;
- Albert MANENT, kritikisto, poeto kaj konstanta kunlaboranto de la ĵurnaloj "ABC" kaj "La Vanguardia";
- Joan TRIADÚ, literaturkritikisto, membro de la Kataluna Societo de Historiaj Studoj kaj sekretario de "ÒMNIUM CULTURAL".

Hazarde aŭdinte en radio pri la afero, mi skribe petis detalojn de la hispana ambasado en Bonno, la 10-an de februaro 73. Kvar tagojn poste, la hispana kulturataŝeo responde sendis eltranĉaĵon de "Frankfurter Allgemeine" de 12. 02. 73 (20 linioj pri la protesto de la internacia verkista asocio P.E.N. kontraŭ la pundekreto.) La ataŝeo klarigis: "..... La t. n. "Florludoj" estas poetaj konkursoj. La kaŭzoj kondukintaj al la punigo de la ..... personoj, ne estas konataj al ni."

Ne estas imagebIe ke la hispana ambasado estis neinformita. Ĉar hispanaj ĵurnaloj raportis jam la 18-an de novembro 1972 ke la barcelona polico forprenis la pasportojn de la supremenciitoj kaj de la edzino de Faulí. (La kantisto "Raimon" kontribuinta al la "Florludoj" ne donis sian pasporton deklarante ne havi ĝin ...) Komence de decembro kaj dum januaro hispanaj kaj eksterlandaj gazetoj pli-malpli vaste raportis pri la puno menciante la kaŭzon: membreco de la menciitoj en ĵurio de la konkursoj okaze de la ĝenevaj "Florludoj"!

La 24. 02. 73 mi petis la hispanan ministerion pri internaj aferoj pri detalaj klarigoj koncerne la motivon, juran bazon kaj dekretinton de la punoj kaj koncerne la karakteron de la "Florludoj" ktp. La respondo - se oni larĝasence komprenas tiun vorton - venis sub dato de 31. 03. 1973 de la hispana ministerio pri eksterlandaj aferoj kun jena resumita enhavo:

1. Laŭ la aktuale valida instrulegô oni kulturas la regionajn lingvojn en la antaŭlerneja kaj en la elementa edukado.
2. En la lernejoj de Katalunio oni instruas la katalunan, kaj ĉiuj aliaj fakoj povas instruati en la kataluna.
3. En la hispanaj universitatoj oni instruas la katalunan lingvon.
4. Oni ne povas malkoni la separatisman karakteron de Florludoj, en kiuj la plej gravaj premioj estas ekzakte la "Prezidento Macià" kaj la "Prezidento Companys".

En letero de 05. 05. 73 mi esprimis mian interesiĝon pri la informoj koncerne la uzadon de la kataluna lingvo en instruado kaj petis pri tiu punkto dokumentojn; samtempe mi insistis pri miaj demandoj el la antaŭa letero kaj atentigis pri la misprezento, flanke de la ministerio, rilate la personecojn de Macià kaj Companys, kiuj estis absolute laŭleĝe elektitaj prezidentoj de Katalunio sub la statuto de aŭtonomeco en la Hispana Respubliko.

La manskribita respondo de la ministerio (14. 05. 1973) komunikis, ke la prezentitaj deziroj kaj demandoj ŝajnas ne trakteblaj letere kaj ke mi povus havi interparolon en la ministerio .....

Feliĉe, ekzistas aliaj informkanaloj malfermitaj ankaŭ al tiu ĉi eta ETNISMO:

La ministerio, sen mensogi, diras duonan aŭ eĉ nur kvaronan veron, ĉar la instruado pri la kataluna estas neniel deviga, dependas de la direktoroj kaj de la instruistoj (kiuj en la naciaj lernejoj kutime estas ne katalunoj) kaj ne ekzistas en la duagrada edukado. Instruado en la kataluna lingvo estas limigita al SES eksperimentaj lernejoj (el kiuj tri estas privataj)!

La ministerio en sia unua letero estis aldoninta liston pri katalunlingvaj libroj eldonitaj dum 1972 kaj pri literaturaj premioj. 290 libroj eldonitaj dum unu jaro ŝajnas bona rezulto. Tamen, la ĝenerala konsulejo de Hispanio en Ĝenevo malkaŝis - evidente tute kontraŭvole - la ĝustajn proporciojn: Tiu nombro reprezentas TRI PROCENTOJN de la kompleta libroproduktado de Hispanio. (Komparu: "La Suisse", Ĝenevo, 30.11.1972) Kion signifas tiuj 3 procentoj, se oni konscias ke pli ol 20 procentoj de la hispanaj civitanoj uzadas la katalunan lingvon? Evidente, sub tia reĝimo ne povas esti alia situacio: La eldonistoj timas aron da ekonomiaj obstakloj, de antaŭcenzuro kaj modifoj en eldonita verko tra malpermeso de varbado por la verko ĝis konfisko!

Estas malfacile kompreni ke tia reĝimo havas la ideon membrigi sian ŝtaton baldaŭ en la Eŭropaj Komunumoj, ĉu ne?!

Uwe Joachim Moritz

++++++++++++++++++++++

## PLI DA MONO POR KIMRAJ LIBROJ

La brita registaro, la 23-an de januaro 1973, anoncis sian decidon duobligi la subvencion favore al kimralingvaj libroj. Do, la ĉiujara subvencio estos 25.000 pundoj por la venontaj tri jaroj. Ŝtatsekretario Peter Thomas diris ke tiu pligrandigo estas destinita renkonti pli altajn produktokostojn. Samtempe li esperas ke kimraj legantoj kaj lernejoj aĉetos pli da kimraj eldonaĵoj. Tiu registara subvencio startis en 1956 per 1.000 oundoj jare. Dum la eldonado plioftiĝis kaj plikostiĝis, tiu sumo regule plialtiĝis ĝis 12.500 pundoj en 1970. - Imitinda ekzemplo!

# E R O J . . . . .

VIENO. Ĵus aperis numero 1 / 1973 de EUROPA ETHNICA en nova eksteraĵo. La kajero ampleksas, en 46 paĝoj, ĉefartikolon pri minoritatoj en Israelo, plej diversajn informojn pri minoritatoj en FRG, Francio, Italio, Jugoslavio, Kanado, Aŭstrio, Rumanio, Ĉeĥoslovakio, Usono, represon de parto de intervjuo kun Milovan Djilas pri minoritataj problemoj, recenzojn de novaj libroj pri etnaj aferoj kaj fine komunikojn kaj materialojn de la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj. Sub "Nederlando" aperas mallonga mencio de la TEJO-seminario "Lingvo kaj Politiko" de Parizo: la amsterdama adreso estas indikita por mendoj de la seminaria raporto.

EUROPA ETHNICA aperas ĉiun kvaran monaton kaj kostas jare 30,-- gm / 200,- aŭstrŝil / 35,- sf / 9,- usdol. Ĝi estas mendebla ĉe: Wilhelm Braumüller, Universitäts-Verlagsbuchhandlung GmbH, Servitengasse 5, A - 1012 W I E N.

TRIESTO. Samo Pahor, unu el la slovenaj aktivuloj de AIDMLK, aperigis en la ĵurnalo PRIMORSKI DNEVNIK de 09. 03. 1973 artikolon sub la titolo "Esperanto esperantisti in nacionalne manjŝine". La aŭtoro parolas pri Rudolf Rakuŝa, mencias la IEJ-seminarion de Milano kun indiko de la du ĉeftemoj kaj detale prezentas la enhavon de ETNISMO 3. speco de kunlaboro.

ANTVERPENO. La dusemajna DOORBRAAK, batalilo de la Flandra popolmovado (Goudbloemstraat 19, B-2000 Antwerpen) publikigis la 20-an de aprilo 1973 sian ĉi-jaran seslingvan (nederlande, france, germane, angle, kastilie, itale) numeron. Ĝia temo estas: "Granda problemo por Belgio: Bruselo kaj Brabanto". La senĉese ripetata postulo estas: Protektu la flandrojn en Bruselo kaj en Brabanto kontraŭ la francigo.

BRUSELO. HEROLDO DE ESPERANTO aperigis en sia n-ro 2 de la 01. 02. 1973 artikolon pri "Etnaj minoritatoj kaj internacia lingvo - Postkongresaj konsideroj". Temas pri skizo de la AIDMLK-kongreso en Klagenfurt (julio 1972) kaj de demandoj rilate la interdependecon de etnaj lingvoj kaj Esperanto.

TORINO. TERZO MONDO INFORMAZIONI (eldonata de "Movimento Svilappo e Pace", Via Magenta 12 bis, I-10128 Torino) en sia numero 6/7 de 05. 04. 1973 detale priskribas la situacion de la k u r d o j . Tiu ĉi popolo de 15 milionoj vivas sur teritorio de 500.000 kvadrataj kilometroj dividita tra Turkio (8 milionoj da kurdoj), Irano (4,5 milionoj da kurdoj), Irako (2 milionoj da kurdoj) kaj Sirio (500.000 kurdoj). Krome vivas 200.000 kurdoj en Sovetunio kaj 40.000 en Libano.

BONAERO. La monata gazeto TERRA VASCA/EUSKO LURRA, eldonata en la argentina ĉefurbo (Av. Belgrano 1144, Buenos Aires), estas supozeble la plej fidinde raporanta organo de la vaskoj. En la konstantaj rubrikoj "Letero el ...." oni informas pri la okazintaĵoj de Eŭskadio kaj komentas la diktatoraĵojn de la madrida reĝimo. En la numeroj de marto kaj aprilo 1973 la redakcio aperigas mallongajn artikolojn

pri la numeroj 2 kaj 3 de ETNISMO. La aŭtoro rekomendas al la legantoj interesiĝi pri Esperanto kiel interkomprenigilo por ĉiuj popoloj.

PERPINJANO. En n-ro 9 (printempo 1973) de la kataluna gazeto TERRES CATALANES (Carrer de l' Escorxador 3, F-66000 Perpignan) Jean Amouroux aperigas artikolon franclingvan sub la titolo "La question de la langue internationale". Ĝin akompanas komenta artikolo katalunlingva, en iom rezignacia tono, laŭdante la ideon de la Internacia Lingvo kaj bedaŭrante ke ĝi ne triumfis .....

HAMBURGO. DER SPIEGEL (10/1973, 05. 03. 1973) parolas pri la batalo de alzacanoj por sia etna lingvo, la alzaca dialekto de la germana: La kuracisto d-ro Marcel Iffrig akuzas la francan ŝtaton pro murdo de 74-jarulo ne povinta legi francan trafiktabulon kaj mortigita de aŭtomobilo. - Laŭ DER SPIEGEL, 57 % de la alzacanoj ankoraŭ parolas sian dialekton kaj 32 % konstante aŭdas respektive rigardas germanajn radio- kaj televidprogramojn. La samideanoj de Iffrig sukcesis en la komunumaj balotoj de 1971: Ili atingis en norda Alzaco 31 % de la voĉoj.

KIMRIO. Y LLAN la ĉiusemajna revuo de la anglikana eklezio en Kimrio, en sia eldono de la 27-a de aprilo 1973 represis komplete la kimran tradukon de la referaĵo "Pri la rilatoj inter la lingvoj de etnaj minoritatoj kaj la internacia lingvo Esperanto". Same faris Y FANER en sia eldono de la 18-a de majo 1973.

GREZIJONO. Dum la Paska Kultura Semajno 1973, aranĝita de la Junulara Esperantista Franca Organizo (JEFO) en la kastelo Grezijono, U. J. Moritz enkondukis per referaĵeto por diskutado pri "Kunvivado inter etnaj minoritatoj kaj ŝtatoj en Eŭropo". Kiel videbliĝis en la diskutado, la nocio "etno" ne estas sufiĉe klare difinita. Ne havas sencon inkluzivi ĉiujn kastililingvanojn en la kastilian etnon, ĉar la enloĝantoj de Sua Ameriko havas komplete alian vivosferon ol la hispaniaj kastilianoj. Samo validas poe la anglalingvaj negroj de Usono.

LJUBLJANO. "Mednarodni odbor skupnosti študentov", Trg Revolucije 1, Ljubljano, Jugoslavio, eldonas INFOn pri la situacio de slovenoj en diversaj ŝtatoj, ekz. Aŭstrio, Italio kaj Hungario. La kontribuoj estas anglalingvaj.

BARCELONO. SERRA D' OR (vidu aliapaĝan anonceton) publicis en sia marta numero artikolon pri la kverelo pro la dulingvaj loknomaj tabuloj en Karintio, Aŭstrio. La aŭtoro, Jordi Costa i Roca, AIDMLK-sekretario, trafe skizas la evoluon kaj prave riproĉas la germanlingvulojn pro maltoleremo.

PERPINJANO. Bonvolu atenti la aldonitan aliĝilon de la "Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj" (AIDMLK), 22, rue J.-B. Greuze, F-66000 Perpignan.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj

Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Blumenstr. 7, D - 511 Alsdorf, tel.: 49-2404-4393. ETNISMO estas dissendata senkotize, sed donacoj estas tre bonvenaj.

# Aldono al ETNISMO 4

---

La ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ (A.I.D.M.L.K.), kies sidejo estas ĉe la Romanĉa Ligo en Chur, Svislando, kaj kies prezidanto estas la plej fama kataluna verkisto nuntempa, Salvador Espriu, celas la protektadon de ĉiuj etnaj lingvoj kaj kulturoj kontraŭ degenerado kaj subpremado. La Asocio konsistas el regionaj kaj tutŝtataj organizoj kaj individuaj membroj el preskaŭ ĉiuj nesocialismaj ŝtatoj de Eŭropo. La Asocio estas rigore nepolitika en tiu senco ke ĝi ne identigas sin kun iuj partiaj programoj aŭ ideologioj.

En A.I.D.M.L.K. aktivas jam pluraj personoj uzantaj la internacian lingvon Esperanto.

La jarkotizo de individua membro estas 25,-- svisaj frankoj, ĝirendaj - post komuniko pri membriĝo - al unu el jenaj kontoj:

A.I.D.M.L.K., konto 10 326 C en Banque de Paris et des Pays-Bas, Ĝenevo, Svislando;

- s-ro Jacques Déprez, 5 rue Pierre Corneille, F - 68 Saint Louis, CCP 842-08 Strasbourg

------------------------------ Tranĉu tie ĉi ------------------------------

Al s-ro Jordi Costa i Roca, ĝenerala sekretario de A.I.D.M.L.K.,
22 rue Greuze, F - 66000 Perpignan

Mi petas akcepti min kiel membron de la Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj.

Familia nomo: Aĝo:

Individuaj nomoj:

Profesio:

Kompleta adreso:

Mi interesiĝas precipe pri jena minoritato:

Dato: Subskribo: